1/99

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## En Berlino ni paŭzos

### Ne okazos membrokunveno dum ĉi-jara UK

**TEĴA ĉi–jare ne havos membrokunvenon. Konforme al la statuto, la estraro decidis rezigni pri ĝi.**

Motivoj por tio estas pluraj:

1. La estraranoj dum la UK en Berlino estos okupataj per diversaj aliaj taskoj, tiel ke ili ne povas ŝarĝi sin krome per TEĴA–kunveno.

2. La modesta financa situacio de nia asocio „rekomendas", ŝpari la relative altan koston por salono dum UK.

**Manko de intereso**

3. Intereso kaj aktiveco de niaj membroj por la fakasocio daŭre estas nulaj – kial do kaj por kio kunvenigi ilin en Berlino, des pli ke ni ne devos fari iujn formalajn decidojn ĉi–jare? Elektoj okazis dum la pasintjara UK en Montpeliero, kaj membrokunveno nepre devos okazi nur tri jarojn poste, do en 2001.

Certe, dum la UK en Berlino tiuj, kiuj partoprenos, povos kontakti estraranojn kaj aliajn membrojn de la asocio. Eble iel ni povos aranĝi neformalan kunsidon.

Ĉar praktike la asocio „vivis" dum la pasintaj monatoj nur teorie, ni povas rezigni ankaŭ pri agad–raporto. Jen koncize la membrostatistiko: siajn kotizojn por 1999 pagis 34 TEĴA-anoj.

La asocio havis fine de la pasinta jaro bonhavon de 34156 BEF (847 eŭroj).

Ke post cirkulero 2/98 ne aperis alia, ankaŭ ŝuldiĝas al la inerteco de niaj membroj: neniu sendis materialon, do la redaktoro ne povis kompili cirkuleron kaj tute ne almanakon. En tiu ĉi situacio vere sufiĉas, ke unu fojon jare ni aperigas cirkuleron por montri, ke TEĴA ankoraŭ ekzistas.

**Eble nur rete?**

Se ni scius, ke granda plimulto de TEĴA–anoj estas ligitaj al interreto, ni povus rezigni eĉ pri tia ĉi papera cirkulero kaj dissendi niajn komunikojn rete (nur al la eventuale du, tri ne rete atingeblaj membroj papere). Sed ĉu valoras esplori tion, se ja kiel ajn la membrojn ne vere interesas la asocio?

Laŭ mi ja estas vere domaĝe, ke forvelkis nia fakgazeto, ĉar ĝi povus enhavi tiom da artikoloj pri tiom da gravaj ĵurnalismaj temoj. Evoluoj, ŝanĝoj kaj novaĵoj en nia profesia medio estas tre, tre multaj. Sed mi ne volas lamenti, male: via maliniciatemo ebligas al mi, pli multe dediĉi min al aliaj gravaj taskoj, ekzemple ĉefredaktoreco de MONATO, Akademio de Esperanto, kaj – multe pli agrable – taskoj de plurobla avo...
Via prezidetanto
Stefan MAUL

## Propagando dum milito

Ne estas nova ekkono, tamen ĉiam denove konsternas, ke unu el la „unuaj viktimoj de milito estas la vero". Tiel estis dum la golfa kaj la bosnia militoj, laste la veron trafis sama sorto dum la milito en Jugoslavio. Anstataŭas ĝin ambaŭflanke propagando por stultigi la homojn kaj subpremi kritikan kaj sendependan informadon fare de objektivemaj ĵurnalistoj.
Nova kvalito de tia propagandomilito estis, ke NATO bombardis jugoslaviajn televid– kaj radiostaciojn, por silentigi ties propagandon. Ne gravis, ŝajne, por NATO–ĉefoj ke pro tio mortis ĵurnalistoj kaj aliaj civiluloj.
Aliflanke afliktis min, ke jugoslaviaj militistoj arestis karan kolegon kaj personan amikon mian, kiu raportis el Beogrado, kaj akuzis lin pro „spionado". Dum mi verkas tiujn ĉi liniojn, ni nenion scias pri lia sorto.
Nu, ke jugoslavia despoto Miloseviĉ propagandas, tio ja ne povas mirigi iun ajn. Sed kiujn argumentojn havas NATO por propagandi? Laŭdire, oni ne povas malkaŝi la plenan veron, por ne ebligi al la atakatoj ekscii celojn kaj planojn. Oni povas kompreni ke NATO ne antaŭe informas, kion ĝi intencas – sed kial oni kaŝas la veron ankaŭ post (mis)atakoj? Kial oni distrumpetas „sukcesojn", kiuj poste montriĝas militistaj kaj moralaj fiaskoj?
Evidente, ankaŭ en demokrataj landoj la vero ne havas altan rangon, kiam okazas milito. Ĉu ni fidu, ke vero denove triumfos postmilite? (sm)

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: maul@newsfactory.net
Redaktofino de tiu ĉi numero: 10 maj 99
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; ret-adreso: syama@dokkyo.ac.jp
Estrarano: Aleksander KORĴENKOV

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando

Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 10 eŭroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Konsultejo

Probable vi aŭ mem ricevis aŭ legis en iu E–gazeto pri definitiva starigo de jam menciita en IĴ konsultejo de la Akademio de Esperanto. Por tiuj, kiuj eble maltrafis ĝin, jen la oficiala komuniko, kiu eliris meze de januaro 1999:

Akademio de Esperanto starigis komisionon „Konsultejon de la Akademio“, al kiu povas turni sin ĉiu Esperanto–uzanto per difinitaj lingvaj demandoj por ricevi konsilon aŭ rekomendon. Demandojn pri vortfarado (novaj nocioj, terminoj) la komisiono probable povos respondi relative rapide; ĉe komplikaj gramatikaj problemoj kutime daŭros pli longe. La respondoj ne estos decidoj de la Akademio de Esperanto, sed rekomendoj de la konsult–komisiono; tamen la Akademio esperas ke utilos tiu ĉi rapida servo, pri kies manko ofte oni plendis.
Viajn klare formulitajn kaj konkretajn demandojn sendu al la direktoro de la Konsultejo de la Akademio per ordinara letero je la adreso
Stefan Maul, Pferseer Str. 15 DE-86150 Augsburg, Germanio;
per e–poŝto al ties ret-adreso maul@newsfactory.net;
per telefakso (nur inter 10 kaj 12 h MET!) +49/(0)821/520385.

Ni rekomendas, laŭeble uzi retpoŝton, kaj ne akceptas demandojn per telefono. Bonvolu indiki ĉe urĝaj demandoj, ĝis kiam vi esperas ricevi respondon. Rapidan respondon tamen ni povas garantii nur al demandintoj, kiuj disponas pri ret–adreso aŭ telefakso.
La komisiono petas, nepre ne sendi bagatelajn demandojn, kiujn povas respondi ĉiu sperta esperantisto, serĉante en vortaroj kaj aliaj konsult–libroj. Siajn rekomendojn la Konsultejo de la Akademio komunikos ne nur al demandintoj, sed ankaŭ al la E–gazetaro.
Stefan MAUL, direktoro de Konsultejo de la Akademio de Esperanto

*

Intertempe la konsultejo funkcias kaj aktivas, jam ĝi publikigis unuan rezulton. Venis aro da demandoj, tamen eĉ ne unu de iu redaktoro, kvankam nelaste por servi kaj helpi al redaktantoj de E–gazetoj oni instalis la konsultejon. Sed tio ne povas mirigi, ĉar ni ja scias, kiom memfidaj – precipe en lingvaj aferoj – estas la plimulto de niaj redaktoroj. Konsekvence, plimulto de niaj gazetoj estas subnivelaj laŭ (ne nur) lingva vidpunkto... (sm)

## Se hazarde interesas vin...

...vi nun povas ricevi la kompletan AIS–kurson pri Komunikad–Scienco kaj Ĵurnalistiko de Stefan Maul. Temas pri la ok lekcioj, kiujn la docento unuan fojon prezentis dum sesio de Akademio de la Sciencoj – San Marino (AIS) en 1994 en San Marino. Estas jenaj eblecoj akiri tiun ĉi bazan materialon:

1. Se vi havas la tekst–programon „Ĉapelilo“ kaj estas ligita al interreto, vi povas peti senpagan alsendon de la dosiero per e–poŝto kun la indiko „AIS–kurso" ĉe maul@newsfactory.net
2. Se vi havas la tekst–programon „Ĉapelilo“ sed ne estas ligita al interreto, vi povas sendi disketon al lia adreso, aldonante 2 internaciajn respondkuponojn; vi ricevos la kurson sur la disketo.
3. Se vi ne havas la tekst–programon „Ĉapelilo“, vi povas mendi ĉe la adreso indikita en la kolofono la kurson en presita formo, sed devas pagi 8 eŭrojn, se vi loĝas en Eŭropo, kaj 15 eŭrojn, se vi loĝas en alia kontinento. (sm)